# PENSEO

*N-ro 173*

*marto./2006*

**Monata Beletra Revueto en Esperanto**
**Honorita de Premio Grabowski,1994**

**Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 17-a jaro http://www.elerno.net/penseo/penlisto.htm**


# Letero el Dio

**Song Guoren**

Kun tremegaj saltoj, La flugmaŝino sin pafis el sur la tero.

Kelkajn minutojn poste, stevardino ekparolis per mikrofono, "Bonvenon al vi veturi per aviadilo de Norda Aerkompanio. Ni jam forlasis…"

El la dorspoŝo de la antaŭa seĝo, Xiaofei eligis magazenon kaj foliumis. Senkonscie li trovis blankan koverton inter paĝoj. Sur la koverto gluita troviĝis nek la nomo de ricevanto nek la adreso de sendanto. Li levis ĝin por vidi kontraŭ lumo. Jen la desegno de cent-yŭan monbileto svage riveliĝis tra la maldika kovertpapero. Kun ekĝojo, li, pririgardinte ĝin jen frontflanke jen dorsflanke kelkfoje, certiĝis, ke ĝi vere enhavas kelkajn cent-yŭan-ajn monbiletojn. Tyj kiam li ekŝiris la koverton, li vidis linion da duonklaraj kaj malgrandaj vortoj skribitaj per krajono:

"TAKE IT HOME, MY SON!"

Li konis anglan lingvon kaj komprenis ĝian sencon: "Alportu ĝin hejmen, mia filo!" Li konjektis, ke ĝi estas la letero de patro al lia filo. La pasaĝero en najbara seĝo estis ripozante kun fermitaj okuloj, kaj neniu atentis pri la letero kun monbiletoj en ŝia mano. Ĉu ĝin doni al stevardino? Post kelka pensado, ŝi, kun brue batanta koro, metis la koverton en sian mansaketon. Tamen ŝi tuj eligis ĝin, konsciante, ke tia faro ne decas. Momenton poste, ŝi ree ĝin ensakigis. Tiamaniere ŝi faris la samon kvin-ses-foje, ne sciante, kion fari. Feliĉe, restis ankoraŭ proksimume du horoj por elaviadiliĝi, kaj ŝi havis sufiĉan tempon por konsideri, ĉu ŝi devas ĝin liveri al stervadino aŭ ne.

Ŝi havigis al si unuafojo veturi per aviadilo dum ŝia tuta vivo, ĉar, en la "Marto la Oka"-pokala konkurso de eseoj ŝi gajnis specialan premion — bileton por veturi per aviadilo al metropolo en la sudo.

Bonŝanco ĉiam venas duope. Hodiaŭ ŝi neatendite trovis la monon — almenaŭ kvin cent yuan en la dika koverto laŭ ŝia permana mezurado. Samkiel multaj homoj, kiuj revas, kiel elspezi la monon trovita de si mem, ŝi ankaŭ faris provon imagi kiel ĝin elspezi. Nature la mono estis granda sumo por ŝi.

Ekde tiam, kiam ili pruntis monon por aĉeti domon, la vivnivelo de ŝia familio komencis malaltiĝi ĝis almenaŭ antaŭ dek du jaroj. Ili devis elspezi zorgeme. Delonge ili ne aĉeti novajn vestojn, ne manĝis en restoracioj, ne faris ekskursojn, ne… Por ne paroli pri la peza premo de la mono pruntita de la registaro, ŝia anjo jam elĉerpis la tuton de la familia vivsubtena ŝparmono pro sia enhospitaliĝo. Pri la eduka planado de sia infano ŝi tute ne havas konsideron. Malgraŭ ĉio, la infano estas la floro de la patrolando. Se ĝi velkiĝus, tio ne tute kulpigus ĝiajn gepatrojn. Kompreneble tio estas plendoj. La infano estas karnpeco elŝirita el la korpo de la patrino, kiu neniel ne flegas ĝin zorgeme.





Delonge ŝi volus aĉeti por sia anjo iom pli dikan veston el vera lanugo de anaso, por anstataŭi ŝian malnovan superveston, kiu eligas haladzon de tempo al tempo. Ĝi estus kostonta al ŝi ĉirkaŭ 300 yuan.

Ŝi planis aĉeti paron da ledaj botoj por sia edzo antaŭ longe. Kvankam ŝi ne priatentas la diraĵon "Manko de piedvesto montras malriĉecon.", ŝi tamen sentas kordoloron, kiam ŝi rigardas liajn kalkanojn putriĝintajn pro frosto ĉiuvintre. Tio okupos elspezon de ĉirkaŭ 100 yuan.

Ankaŭ ŝi volis aĉeti novan librosakon por la infano delonge. Ŝi flikadis kaj flikadis la malnovan kaj ne povis trovi eĉ lokon neflikitan sur ĝi. Ŝi elspezos ĉirkaŭ 40 yuan.

Kion disponi pri la restanta 60 yuan? Em… yes! La kvar familianoj manĝu ĉe restoracio!

Estas neatendite, ke tiu sumo da mono povas helpi realigi kvar sonĝojn de la familio. Tiu senzorgema patro, kiu perdis la monon, vere meritas dankon!

Estas nature, ke virinoj ekhavas tiujn revojn, ĉar ili ĉiam korinklinas al la familianoj.

Suprenkirla aerfluo kaŭzis fortan tangadon, kaj stervadino atentigis firme ligi sekurbelton.

Tiam vekiĝinte el siaj revoj, Xiaofei ĝustigis sian sidpozon, konkerante sian sentemon per sia racieco portempe. Eble estas letero en la koverto krom la mono, kaj oni povas eltiri informojn de la letera skribanto. Ŝi decidis malfermi la koverton.

Ŝi zorgeme ŝirlevis la refalditaĵon kaj eltiris ĉion el la koverto. Vere, estis kvin monbileto de cent yuan! Inter ili troviĝis slipo de papero. La anglalingva skribaĵo, kiu tre perpleksigis ŝin, legiĝis,

*Miaj infanoj,*

*Vi estas bonŝanca, kiam vi ekhavas la leteron. Se vi vere bezonas ĉi tiun summon da mono, ĝin alportu al via hejmo; se mono ne mankas al vi, restigu ĝin ĉi-tien aŭ kunportu al aliaj publikaj lokoj; se vi estas riĉa, kiu volas helpi aliajn, aldonu monon en ĝin kaj restigu ĝin ĉi-tien aŭ aliaj publikaj lokoj. La unua monbileton de cent yuan mi enmetis.*

*Amema Dio*

Jen ĝi estis letero el Dio.

Tiuj, kiuj veturas per aviadilo, estas pli aŭ malpli riĉaj, tial ke kvin cent yuan jam akumuliĝis en la koverto.

Ŝi ŝajne komprenis la signifon de tiuj vortoj ĉe la gluita aperture de la koverto: Se vi bezonas helpon, alportu la monon hejmen. Ĉiuj, kiuj enmetas monon, estas viaj amemaj dioj, kiuj zorgas pri vi.

La aviadilo traflugis trofosferon kaj komencis stabiliĝi.

Malferminte sian mansaketon malrapideme, ŝi eligis refalditan monbileton de cent yuan el sia monujo kaj disfaldis ĝin serioze. Ŝi aldonis ĝin al la kvin cent yuan kaj la paperslipo, kaj enŝovis ilin en la koverton. En ĉi tiuj tagoj mi manĝu tujpretigajn nudelojn. Kaj tiujn donacojn de lokaj varoj, kiujn mi promesis al miaj kolegoj kaj familianoj mi prokrastigu ĝis la sekva ŝanco!

Malgraŭ ĉio, mia anjo povas varmigi sin per sufiĉa vestaĵo, mia edzo povas surporti decajn ŝuojn, mia filo povas kleriĝi en lernejo, miaj familianoj povas manĝigi nin pli aŭ malpli bone… ni vivas "bonhavan" vivon.

Sed tiuj homoj, kiuj sufiĉe suferas de akva, sekega, lokusta, neĝega, tajfuna kaj tertrema katastrofoj, tiuj homoj, kiuj senlaboriĝas kaj vivas depende de la plej malalta sekura subvencio en la urbo, tiuj ĉirkaŭurbaj kamparanoj, kiuj survivas pere de kontraŭleĝa stirado de aŭtoj pro sia nekonvena lokigo en etendiĝo de urbareo kaj konstruado de ekspluatareo, kiu perdigis al ili kampojn; la vastaj amasoj de kamparanoj, kiuj ankoraŭ ne estas akceptita sub la protekto de social sekureco kaj kuraca garantio, tiuj geknaboj en malriĉaj montareoj, kiu ne povas viziti

lernejon, kaj … treege bezonas prizorgon de Dio!

"Nia aviadilo baldaŭ surteriĝos ĉe flughaveno Huangqiao. Bonvole ĝustigu viajn seĝojn en bonan pozicionw kaj bone kunligu viajn sekurbeltojn…"

Post forta skuado kelkfoje, la aviadilo stabile surteriĝis. Ŝi intermetis la koverton en la magazenon *Vivo en Aerveturo* kaj enŝovis ĝina ĝin sur la saketon sur la dorso de la antaŭa seĝo. Ŝi elaviadiliĝis egalanime.



elĉinigis **Verdido**

## Zhuang Qixiong (1962 — )

# MONO

— laŭ ĉinesko Caitoufeng

Krima mon',
misa don'.
Hontis li mensa burĝon'.
Kiu tre
kredis ke
devig' eduk'
vivas vere?
Ne,
ne,
ne!

Kara mon'
per admon'
vekos geknabojn el bon'!
Ĉu vi ne
volonte
feliĉas pro
ĉiam obe'?
Ve,
ve,
ve!

2006.3.5

# El Libro de Poezio

## Kolektado de abrotanoj

**kantas virinoj de princa familio, kolektante abrotanojn por kulto.*

Ni kolektas abrotanojn
Sur sablejo aŭ ĉe lago.
Uzas ni la abrotanojn
Dum la princa kulta tago.
Ni kolektas abrotanojn
En montvalo laŭ rivero.
Uzas ni la abrotanojn
En templo por kulta celo.
Ni en granda tualeto
Ĝisnoktan kulton ĉeestas.
Haste post kult-etiketo
Hejme ni nin linde vestas.



## Griledoj

**virino, kolektante filikojn kaj viciojn, sopirante al sia edzo, kiu delonge foriris de la hejmo malproksimen.*

La griledoj ĉirpe trilis
Kaj akridoj vigle saltas.
L' edzo longe jam foriris,
Mia sopiro ne haltas.
Ho, se mi lin vidi povas,
Se mi lin renkonti povos,
Tiam zorgon mi forŝovos.
La filikojn mi elŝiris
Grimpante sur suda monto.
L' edzo longe jam foriris,

Torentas sopira fonto.
Ho, se mi lin vidi povas,
Se mi lin renkonti povos,
Tiam min delic' enblovos.
La viciojn mi pluktiris,
Grimpante sur suda monto.
L' edzo longe jam foriris,
Min turmentas ĉagren-ondo.
Ho, se mi lin vidi povas,
Se mi lin renkonti povos,
Tiam mi kvieton trovos

# Kolekto de lemnoj

**junulino antaŭ edziniĝo kolektas lemnojn kaj algojn por pie kulti prapatrojn en la klana templo.*

Kie lemnojn ni kolektas?
Ĉe rojo de suda monto.
Kie algojn ni selektas?
Laŭ rivero aŭ ĉe fonto.
Per kiu ilin entenas?
En korboj ronda, kvadrata.
Kie kuiro konvenas?
Sur stativo ujo pata.
Kie l' oferaĵoj sidas?
De la templo subfenestre.
Kiu la kulton prezidas?
Pia virgulino ester.

# La pirarbo

**psalmo por memori pri Duko Shao kiu sub la pirarbo iam oficlaboris kaj ripozis.*

Foli-riĉa la pirarbo.
Ne ĝin povu tondi hake!
Duko Shao restis bivake.[1)]
Foli-riĉa la pirarbo.
Ne ĝin povu tondi vunde!
Duko Shao ripozis grunde.
Foli-riĉa la pirarbo.
Ne ĝin povu fleksi rompe!
Duko remizis aplombe.

*1) Duko Shao – Shao Shi, kiu akompanis kaj helpis Reĝon Wu fondi la Okcidentan Zhou dinastion (1066 a. K.—771 a.K.)*

tradukita de **Sceto**

# Kiam mi vin amas, mi ne amas aliajn

He Shanchuan

ĉe la sekva vojkruciĝo
dekstren aŭ maldekstren
ruĝa lamp' haltigas, dum la verda trairigas
tiu vir' malobeanta la trafikan leĝon
ĉirkaŭprenas platanarbon
kaj vomadas jen senĉese
ĝuste mi deziras esti tiu viro
kiam mi malvarmon sentas
mi alvokas vian nomon
se mi ne havas korpon por brakumi
mi brakumu platanarbon

elĉinigis **Zorulo**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm aŭ www38.websamba.com/penseo

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_